48 Num. ★ Madrido - Aprilo - 1921 ★ V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



PRAHA: TURO DE LA PONTO DE KAROLO IV

Ambaŭborde estas tiu ĉi antikva ponto el la 14 jarcento ornamita per gotikaj turoj, kies konstruinto sciis doni al ili la plej elegantan formon, por ke la tuto prezentu bildon, kiu eĉ post jarcentoj ne perdas je sia beleco. La loko prezentata sur la bildo estis en la jaro 1648 scenejo de kruela batalo inter bohemaj studentoj kaj la svedaj trupoj, provintaj ekokupi la internan urbon. Malĉekstae apud la turo, kvazaŭ inter kulisoj plej artiste dislokitaj, oni vidas monumenton de Karolo IV. starigitan en la jaro 1848 je memoro de la 500-jara fondo de la bohema universitato en Praha. Neforgesebla restas por vizitanto de Praha la promeno sur tiu ĉi ponto en la lastaj horoj, kiam la suno subiranta orumas la kupolojn kaj turojn, donante al la majesta panoramo de la palaco Hradĉany magian, profunde impresigan aspekton.



PREĜEJO DE SANKTA NIKOLAO EN PRAHA

Estas unu el la multaj barokstilaj konstruaĵoj, per kiuj ornamis la urbon Dintzenhofer (patro kaj filo) ĉirkaŭ la jaro 1700. Ilia riĉa, originala ornamento, senco por efekto kaj lerta harmoniigo de ampleksa surfaco havigis al ilia arto tutmondan famon. Kun siaj samtempuloj pentristo Reiner kaj skulptisto Brokoff ili estas la plej meritoplenaj kreintoj de la ĉie admirata beleco de la barokstila Praha, kaj ilia laboro kaj influo reflektiĝas ankaŭ en aliaj urboj bohemaj.

# Inter la Ĉekoslovakoj

Ĉiuspeca sporto trovas adeptojn inter la Ĉekoj; iliaj footbalistaj centroj — mi nomu almenaŭ Slavia kaj Sparta ne estas nekonataj ekster la landlimo. Ĉiusemajne altiras iliaj «match» multnombre la sportamantojn kaj tridek mil gastoj ĉe kelkaj ludoj ne estas vizito malofta. Estis jam ĉi tie parolite pri la neimitebla «Sokol», havanta nun en la Respubliko pli ol 700.000 membrojn, el kiuj 50.000 (inter ili preskaŭ duono da virinoj) partoprenis aktive en la ekzercoj de la VII. Federacia Festo okazinta la pasintan jaron en Praha. La junularo estas po dekmiloj organizita en la skoltaj centroj kaj ĉar Esperanto trovis ankaŭ inter ili siajn partianojn, certe multaj el ili donos sian tempon kaj scion je dispono de la kongresanoj.

La aerodromo de Praha fariĝas en la postmilita tempo grava por la eŭropa aerveturado kaj jam nun funkcias regule linio Paris - Praha - Warszawa kaj la enlandaj linioj kunigas orienton kun la okcidento; baldaŭ ekfunkcios la linio Berlin - Praha - Wien kaj Milano, Konstantinopolo. La hispanaj kongresanoj povos profiti la linion Paris-Praha (250 pesetoj, 6 horoj). Konsiderante kelke da datoj ne sen intereso, mi aldonas la jenan tarifon: Oni povas uzi la okazon por viziti en Praha la danuban havenon Bratislava, flugatingonte tiun ĉi slovakan ĉefurbon en

## PULVA TURO EN PRAHA



Konstruita en la 15. jarcento en gotika stilo, servu kiel specimeno de la multnombraj konstruajoj de tiu ĉi stilo. La turo siatempe parto de la urba muro, estis uzata antaŭ 200 jaroj kiel magazeno de pulvo. La gotika stilo ekfloris en Bohemujo kaj Moravio jam en la 13. jarcento: kelke da katedraloj, palacoj, kasteloj kaj la antikva ponto atestas la lertecon de Matías de Arras, Parlér kaj Rejsek, kies mirinda arto donis al Praha aspekton de riĉa muzeo de arĥitekturo.

du horoj por 30 pesetoj. Ekskurso Praha-Dresden kostas ankaŭ 30 pesetojn; veturdaŭro du horoj. Praha-Warszawa 150 pesetojn; 4 horoj. La pilotoj estas spertaj tiagrade, ke okazis neniu akcidento dum la ĝisnunaj 2800 enlandaj flugoj kun 5600 vojaĝantoj. Unu el la pilotoj jam traflugis kvaronmiliono da kilometroj, aliaj suprenflugis jam 7000 kaj 8000 foje!

Kiun samideanon interesas posedi sufiĉe detalan libron pri la Respubliko (101 pĝ), skibu tuj (en Esperanto) al Ministerio de Eksterlendaj Aferoj en Praha, petante, ke oni sendu al li la verkon de Buttler-Ruml: «La République Tchécoslovaque» por esti informita antaŭ la ekveturo al la kongresurbo. Ju pli multaj estos la postulantoj des pli multe da intereso estos altirita al nia afero en sferoj gravaj por nia movada.

La cirkonstancoj ne ebligas ankoraŭ doni ĉiujn konsilojn utilajn al la kongresano; koncerne la vivrimedojn neniu bezonos esti zorgema. Oni trovos tie tiom da ĉiuspecaj manĝajoj, kiom oni mendos. Kaj pri la prezoj... kion diri? Sume nur tiom, ke havonte pesetojn en la poŝo - vi trovos ĉion tre malkara kompare al la nunaj prezoj en Madrid. La kongresa komitato samtempe publikigas raporton, kiu pruvas, ke la vivo ne estas pli kara tie ol en Hispanujo Fine pri la pasportoj: posedi tiun ĉi vojaĝdokumenton estas ĝis nun kondiĉo neevitebla La pasporton oni devas postuli en la «Dirección general de seguridad» en sia loĝurbo kaj poste pre-

zenti ĝin al la ĝenerala konsulejo ĉekoslovaka en Madrid (Calle Orfila, 5) kaj fine en konsulejoj de tiuj ŝtatoj, tra kie oni volas veturi, ekz. de Francujo, Germanujo aŭ Italujo, Aŭstrio. Ĝenerale oni postulas 10 pesetojn por unu viso; Germanujo postulas 40,50 pesetojn; la ĉekoslovaka viso estos plej versimile rabatita por la kongresanoj je 3 pesetoj. (Pluaj detalaĵoj sekvas en la proksima numero.)

*E. X.*—Praha.

Korekto: En la n.º 3 legu en la lasta linio de la 1.ª paĝo: «da volumoj» anstataŭ «de volumojn».

## RIMARKO

Jam aperis, kun ĉi tiu numero, kvar, kiujn certe ricevis ĉiuj miaj subtenantoj, sed mi petas al tiuj, kiuj ankoraŭ ne sendis la kotizaĵon, ke ili bonvolu akceli la sendon, por la plej bona disvolviĝo de nia celo.

Kvankam «Homaro», jus reaperinta, estas tute fremda pro sia celo al ĉi tiu gazeto, tamen subtenantoj, kiuj ĝin deziros, ĝin ricevos, kune kun «Ŝipopereo kaj La Iluzio kaj la Tempo», poemoj de Rafaelo de San Millán, kaj kun «Ferdinando VI.ª kaj Farinelli», noveleto historia en verso kaj prozo de Julio Mangada Rosenorn (nun oni kompostas ĝin).

Sendu 25 centiman poŝtmarkon por ilin ricevi. Komprenu kaj rimarku ke HISPANA ESPERANTISTO» ekplenumas sian promeson, kaj dum ĉi tiu jaro donacos ĝi al siaj subtenantoj aliajn legindaĵojn, eble verkon el famega Esperantisto. (Fremdaj subtenantoj sendu respondkuponon.)

## NOVA TEMPO

la mezeŭropa esperanta kulturgazeto, sendependa, ankaŭ je via dispono, eliras monate. Postulu senpagan kajeron. Adreso: «Nova Tempo» str. Mollardgasse, 55. Wien. Aŭstrujo.

## La Tombomonumento de Filipo II

(EL CERVANTES)

Vive Dios, que me espanta esta grandeza,
Y que dieran un doblón por describilla.

Diovere, timigas min tiu grandeco,
Kaj, por ĝia priskribo, mi donus dublonon;
Ĉar kiun ne mirigas, faranta imponon
La belega konstruo kaj tiu brileco?

Pro Jezu-Kristo viva, vere, ĉiu peco
Estas tie valora pli ol milionon;
Domaĝe nur ke tempo detruos fasonon!
Granda Seviljo! Romo, laŭ spirit', riĉeco!

La anim' de l' mortinto, mi vetas aserte,
Por ĝui la vidaĵon hodiaŭ sur tero,
Forlasis la ĝuatan eterne ĉielon!

Fanfaronul' aŭdinte tion, diris: «Certe,
Via moŝto, soldato, tio estas vero,
Kaj kiu kontraŭdiras, mensogas tielon».

Kaj senprokraste li ŝovis ĉapelon
Profunde sur la frunton, la spadon ektiris,
Kaj, strabe rigardante, foriĝis, foriris.

*Antoni Grabowski*

16 - VI - 1919.

## PRI ĈI TIU GAZETO

La fama poeto kaj sperta Akademiano, S-ro Antoni Grabowski honoras ĉi tiun gazeton per la jena opinio: «Via organo estas ne nur lukse eldonata, sed ankaŭ laŭ enhavo ne malpli laŭdinda: La belaj ilustraĵoj estas vera ĝuo por lo okeloj kaj ili diskonigas la beleĉojn de via suna lando. La interesajn artikolojn mi legas kun plezuro kaj mi konstatis la zorgeman korektecon de la stilo Esperanta. Mi demandas min, kiam ni havos en nia reviviĝinta Polujo similan organon?»

# Nova kaj grava sukceso de Esperanto

En la X.ª Internacia Konferenco de la Ruĝa Kruco, en Genéve (Svisujo), de la 30.ª de Marto ĝis la 7.ª de tiu ĉi monato, la ĥina delegito, doktoro Wong, prezentis proponon por alpreno de Esperanto, kaj subtenis la proponon la serba, germana, pola kaj svisa delegitoj. La 7.an, en plena kunsido, la Konferenco alprenis la proponon:

«Konsiderante, ke la malfacileco de la lingvoj malhelpas tro diversmaniere la efektivigon de la internacia homama celo de la Ruĝa Kruco, ĉu sur la batalkampoj, ĉu en la militkaptitejoj, ĉu en la kongresoj mem;

La X.ª Konferenco invitas ĉiujn organizajojn de la Ruĝa Kruco kuraĝigi al la lernado de la helpa lingvo Esperanto inter siaj membroj, precipe inter la junulaj sekcioj, kiel unu el la plej potencaj rimedoj de internacia interkonsento kaj kunlaboro en la sfero de la Ruĝa Kruco.»

---

# Anekdotoj de Alfonso V.ª

## REĜO DE ARAGON' (1)

Kiam li marveturis de Sicilio al Hispanujo, la Korteganoj iris ĉiumatene por flati lin. Matenon, ili renkontis lin ĵetanta panpecojn sur maron al mevoj, kaj li diris al la korteganoj: «Tiuj birdoj estas same, kiel miaj korteganoj, kiuj, post ricevo de la esperataj favoroj, tuj malaperas.»



Iam Alfonso sciis, ke subulo, kiu ŝuldis al li multajn favorojn, parolis malbone pri li, kaj la reĝo diris: «Ofte reĝo produktas nedankemulojn, sed tio ne baros, ke mi estu bonfarema kaj sindonema.»



*Napoles'* volis honori la reĝon per starigo de statuo. Oni elektis la placon kie starigi la statuon, sed kiel la placo ne estis sufiĉe vasta, oni decidis renversi domon en kiu loĝis antikva oficiro, kies servoj al la reĝo estis multaj; sed la reĝo, sciinte la decidon, malpermesis la renverson dirante: «Mi pli preferas ne havi monumenton ol detrui la hejmon de persono, kiu tiel bone servis min.»



Kiam li sieĝis *Gaeta*, la sieĝatoj forpelis el la urbo la maljunulojn, virinojn kaj infanojn. Alfonso akceptis ilin en sia tendaro kaj diris: «Mi preferas pli ne almiliti la urbon, ol ne plenumi la devojn de homamo.»



La mortintoj – diris la reĝo estas miaj plej fidelaj konsilantoj kaj saĝaj ministroj. Iliaj verkoj diras al mi la veron. Kiam mi tiel volas, mi demandas ilin, kaj ili ĉiam respondas senpasie, ne timante mian malplaĉon.



Iam, dum li promenis rajde, la paĝio, kiu rajdis antaŭ li, tiris branĉon de arbo kaj nevole lin vundis apud okulo, kaj el vundo elfluis sango. La reĝo, malgraŭ sia doloro, diris al sekvantaro: «Pli, ol mian doloron, mi bedaŭras la timon kaj suferon de la kompatinda paĝio, kiu tiel vundis min.»



Iam, dum milito, li pasis kun sia armeo tra apudaĵoj de *Cápua'*, kaj vilaĝano haltigis lian ĉevalon kaj insultegis lin. Alfonso aŭskultis lin pacienceme, kaj kiam li kompren-

(1) Li naskiĝis je 1396 kaj mortis je 1458, en *Nápoles*, kiam li estis preparanta militekspedon por almiliti Constantinopla. Li estis reĝo de Aragon, Katalunlando, Balearа Insularo kaj Napoles.

is, ke kolero estis jam liberiginta la vilaĝanon, li daŭrigis sian marŝon ne dirinte ion al la insultinto.



Granda uragano kaj pluvego iam devigis la reĝan militŝiparon rifuĝiĝi en golfeton. Unu el ŝipoj eksubakviĝis kaj la reĝo ordonis helpi ĝin, sed la maristoj atentigis lin pri la riskoj kaj danĝeroj, kaj sprimis esti pli saĝa perdi la ŝipon, ol meti en danĝero la tutan ŝiparon. Alfonso ne atentis la konsilojn kaj spite ĉio alkuris kun sia ŝipo al la pereanta; ĉiuj sekvis la ekzemplon de la reĝo kaj oni savis la ŝipon kaj ĝian ŝipanaron, kaj Alfonso diris: «Preferinde estas droni kun la tuta ŝiparo antaŭ ol ne helpi tiujn kompatindulojn.»



Flatemulo diris iam al Alfonso: «Vi estas ne nur reĝo, sed ankaŭ frato, nevo kaj filo de reĝoj.» Des pli malbone—respondis Alfonso—ĉar tio pruvas, ke mi ne gajnis la kronon, kiun mi heredis de miaj prapatroj, kaj ke mi faris nenion por ĝin meriti.»

Kolektis kaj esperantigis

*Fernando Redondo*

---

# GRAVEGA DECIDO

La Ĝenerala Asocio de Inĝenieroj de publikaj Laboraj kaj de la Ŝtato, kaj tiu de Inĝenieroj de la Pariza Urbestraro, ĵus decidis:

«Ni estas konvinkitaj, ke akcepto de helpa lingvo Esperanto por la internaciaj rilatoj havos gravegajn sekvojn, speciale de la vidpunkto por la progreso de la tekniko, permesante vastigi la konon pri la franca tekniko ekster Francujo, kaj sekve, vastigi la agadkampon de la francaj teknikistoj alilande.

Ni voĉdonas:

1.e Ke oni enkonduku instruon de ĉi tiu lingvo, majstra verko pro logiko kaj simpleco, almenaŭ fakultate, en la programoj de la publikaj lernejoj kaj en tiuj de la teknikaj kaj specialaj lernejoj;

2.e Ke, por la internaciaj Kongresoj, estu adoptata kiel oficiala lingvo, samrajte kiel naciaj lingvoj, ĝis kiam la sperto konfirmu ke ĝi estas kapabla esti la sola oficiala lingvo;

3.e Ke la direktoroj de teknikaj kaj sciencaj eldonejoj kaj Revuoj atentu pri la profito de ili atingota per uzo de ĉi tiu lingvo por siaj eldonaĵoj distinataj al aliaj landoj,

4.e Ke, dume, la teknikistoj sin metu en kondiĉoj utiligi ĉi tiun lingvon por siaj rilatoj kun fremdaj kolegoj, kaj konigu al ĉi tiuj tuj, ke ili estas pretaj uzadi ĝin;

5.e Ke la Asocioj de teknikistoj entreprenu formadon de vortaroj pri siaj specialaj fakoj teknikaj esperante.

Pro ĉi tiu lasta punkto, la du Asocioj nomis Komisiojn por fari ĉi tiun laboron.

---

# AMPERFIDO

Ĉar amanto jam foriras,
ho, ve!
li min lasas tute sola;
nur de tiam tro sopiras
ho, ve!
mia koro senkonsola!...
Sorto kia
estas mia?!
Estas tia,
ja, fatala
decid' lia!
Nelojala,
ambicia,
kor' perfida nemorala!!!



La amanto ĵus foriris,
ho, ve!

kaj min lasis senespera,
kiam pri edziĝo diris.
Ho, ve!
Min atendas sort' infera!...
Amo lia
estis kia
al la mia?!
Jen mizero
de kor' tia!
Ĉu sufero
de alia
estas tiel ĉe l' infero?!

*Julio Mangada Rosenörn*

## ALVOKO

Karaj gesamideanoj! Mi min turnas al vi kun larmantaj okuloj pro la malfeliĉaj tagoj travivataj de la aŭstriaj geblinduloj. Ni alkuru ilin helpi, kaj por tio mi atentigas vin; ke eĉ centimoj taŭgas por efika helpo; ke ĉiuj povos sendi almenaŭ 25 centimojn; ke la Grupoj kaj Societoj povos fari monkolekton; ke esperantistoj petu de neesperantistoj, en siaj familiaj kaj amikaj rondoj, eĉ dekcentiman moneron; kaj ĉiuj sin turnos kun la akiraĵoj al S-ro Jakobo Bellfort. - strato Provenza, 209. Barcelona.

POLITIKA PEDAGOGIO

# Paroloj de lord Haldane pri Edukado

La liberala angla eksministro *lord* Haldane, kiu estas unu el plej eminentaj politikuloj kaj pedagogoj de Anglujo, jus faris gravegan paroladon, el kiu ni elĉerpas iujn fragmentojn.

*Lord* Haldane opinias, ke la brita popolo ne estas kompreninta, ke la mondo estas enirinta en novan ordon socialan, sub kiu la principo de egaleco komenciĝis. Ĉi tiu nova ordo estas la ekregado de la inteligento kaj de la scio, kaj ĝin nur oni povos efektivigi, per edukado por la spiritoj kaj stimulante la psikajn kapablojn de la laboristaro, por ke ĉi tiu atente singardeme elektu siajn politikajn reprezentantojn, kaj por ke ĉi tiuj sin metu tutkore pretaj efektivigi la socialan pliboniĝon.

Plialtigo de salajroj, starigo de bonaj domoj kaj malaperigo de alkoholismo per leĝoj de la Parlamento, estas, nedube, bonaj aferoj, sed duaj. Edukita homo ne toleras salajrojn por vivi mortante, nek rezignacias loĝi kaj vivadi ĉe porkejo. Eduku la spiriton de la homo, kaj li ne toleros la grandajn maljustaĵojn, kiuj hodiaŭ ekzistas.

La monopolo de la kapitalismo ne devenas de la kapitalo mem, sed de la facileco, kiun havas la riĉuloj per siaj kapitaloj por sia edukado. Iuj defendantoj de la laborista partio opinias, ke li - la oratoro - estas prokrastito, ĉar li sin montras neentuziasma pri iuj partoj el ĝia programo. La sola afero, pri kiu li insistas, estas la egaleco. Ĉi tiu devas komenciĝi de la unugradaj lernejoj, daŭri dum la dua instruado ĝis kiam gelernantoj estu dekses - dekok jaraj. Tamen, la edukado ne finiĝis, nur oni faris komenci eduki ilin. La vera edukado ne estas tiu ricevita dum la infaneco, sed tiu kiun oni ricevas dum la juneco; viroj kaj virinoj, kiuj havas spertojn pri la vivo, scias bone tion, kion signifas esti edukata. Ĉi tiu vera edukado komenciĝas je la dekoka jaro kaj finiĝas en la tombo. *Lord* Haldane rekomendas insiste al la manlaboristoj, ke ili pensu pri tio, kion ili legis, dum ili laboras. Pere la libroj oni interrilatiĝas kun la plej grandanimuloj, kiuj *estis* kaj estas. Homo edukita sin sentas egala je sia mastro kaj eĉ povas superi lin. La problemo konsistas atingi la manieron trafi tian edukadon.

Li parolas pri la utiloj de la universitata edukado kaj pri la malegalaĵoj de la nuna instruosistemo, kaj li observis, ke nur unu sola persono el dek ricevas, en Anglujo, hodiaŭ, sisteman edukadon de post la dek-

kvara jaro. La universitatoj devus fari tion, kion ili estas pretaj fari: dediĉi pli da energio prepari universitatajn instruistojn de supera klaso; sin starigi kaj labori ĉe la industriaj centroj, por ke ĉi tiuj, per la instruistoj havu universitatojn ĉe ili. Tiamaniere, oni povus doni plej altgradan edukon dum la vesperoj al la laboristoj, kaj oni atingus mirigantajn rezultatojn. Ĉe la nuna demokratio kuŝas entombigata nesinmontra amaso da talento, ĉar ne estas rimedo por stimuli la grandajn potencialajn kapablojn de tiu amaso kaj meti ilin en aktiveco. Se ekzistus la rimedo, la kapitalo fariĝus sklavo anstataŭ esti mastro; la kapitalo ne estus kapabla superregi, kiel ĝi faris. Ĉiam la kapitalo estos necesa laŭ ia formo; sed la edukitaj laboristoj devos atingi, ke ĝi fariĝu *servisto.*

J. M. R.
Tradukis

# Kredu, amu kaj esperu

Stelturnadoj en aeroj,
Animviv' sen lim' daŭranta
Flugas, kvazaŭ la fajreroj,
Al Di'—kiel sun' lumanta.
Agojn de Lia potenco
Malkonas fiera hom'
Kiu brilas per radio,
La ombregojn dispelante...
Nur eterna supre—Dio.

La kondamnojn, la suferojn,
Kaj dekretojn—pli kaj pli
Ripetatajn dum jarcentoj,
Neniam divenos vi.
En tutmondo konfuziĝas
Terura disharmoni'—
Multnombriĝas la enigmoj,
Kiujn ne dissolvos vi.

Ho, vi amu nur ĉiame
Kaj vin ne allogos tent',
Kiel en terparadizo,
Evo'n igis la serpent'.

Kaj nur veron diru vi,
Do fortika kvazaŭ fer',
Kiel aglo aŭ kolombo,
Flugu vigle tra eter'
Ĝis loĝej' de Di'.

Ĉar la mens' via mizera,
Kvazaŭ forĝa bril' fajrera –
Kaj ĉiaj vivadlaboroj
Turniĝas en mirajrond'...
Estas do homaj esploroj
Guttrinkado - de marond'.

El pola originalo tradukis,
*Ħelena Ħempel*

# LA AKVO

*(Verkita de Ricardo León el la Reĝa Akademio Hispana)*

Niaj prapatroj, la puraj araboj, majstroj de l' bona vivado en ĉi tiu nobla tero Andaluzia komprenis, la spiritan influon de l' akvo kiun ili malŝparis per banejoj, fontoj kaj akvokondukoj.

Kontraŭe, ni malamikoj de l' akvo havas animon kaj korpon plenajn je haŭta malpuraĵo.

Dia donaco estis tiu de l' akvo, bildo de bona animo kaj de klara penso. Inter ĉiuj belaj kaj utilaj aĵoj de l' mondo, neniu ŝajnas al mi tiel inda je amo; ĉasta, gaja, modesta, simbolo de sobreco kaj de l' animo serena, ĝia malklareco estas fruktodona kaj nobla estas ĝia ripozo. ¡Dolĉa akvo, trankvila akvo, neĝa akvo, ĉiela akvo: fratino, estu benata pro viaj humileco, beleco kaj gajeco! Kiam la homoj lernos vivi, la tero plenigos sin je akvujoj kaj akvokondukoj, putoj kaj cisternoj, ŝprucakvaĵoj kaj fontanoj, sonoraj fontoj kaj bruegaj fluoj; la mondo estos ĝardeno kaj la akvo saltos abunda sur marmorojn kiel antikve...

Tradukis,
*Eugenio Lunate*

# Pri Rodrigo Díaz de Vivar

(LA FAMA CID')

Iam Henriko III.ª, imperiestro de Germanujo, pretendis, ke la reĝo de Kastiljio, Don Fernando, pagu imposton al li, ĉar ceteraj kristanaj reĝoj pagadis la imposton kaj konsideradis sin subuloj de Henriko. Don Fernando ne sin montris preta je la pretendo, kaj tial la germana imperiestro sin turnis kun plendo al la Papo. Nikolas' II.ª, tiama Papo, minacis ekskomuniki la kastiljian reĝon kaj organizi kontraŭ li sanktan militistaron se li ne plenumus la pretendon de Henriko. Don Fernando petis konsilon al nobeluloj, kaj ĉiuj, escepte Rodrigo Díaz de Vivar, la fama Cid', opiniis plenumi la pretendon de la germano. Rodrigo komprenigis al la reĝo malhonoron venontan al Kastiljio pro pago de la imposto, kaj grandan malhonoron por li mem, ĉar li estus la unua ĝin pagonta, kaj tial rifuzi la pagon. Don Fernando akceptis la konsilon de Cid' kaj la reĝo petis je la Papo ne helpi la malpravon de la germana imperiestro. La Papo nedube malŝatis la peton, ĉar li ne respondis. Tial Cid' decidis iri Romon. Li alvenis al Romo, kaj vidis la Papon en la preĝejo Sankta Petro, kaj la heroo sin pretigis klarigi al la Papo la fundamentojn de sia komisio, kiam li rimarkis la seĝojn starantajn sur la estrado por la kristanaj reĝoj okaze de ĉeesto dum solenaĵoj. La seĝoj estis sep, el eburo, kun la blazonoj de la nacioj skulplitaj, tial Cid' povis scii al kiu kristana reĝo apartenis ĉiu, kaj rimarkinte la seĝon por la franca reĝo apud tiu de la Papo, en sama vico, kaj tiun de la kastiljia reĝo en dua vico, li piedfrapis tiun de la franca reĝo dispecigante ĝin, kaj metis tiun de sia reĝo sur la lokon, kiun okupis la dispecigita. Sabojana Duko ĉeestanta koleretis, malbenis Cid'on kaj akre riproĉis lian konduton. Malfacile estis al Papo kaj akompanantoj eviti gravan malagrablaĵon ĉe la sanktejo men. Oni diras, ke, pro la ago, la Papo minacis ekskomuniki Cid'on. Ĉi tiu parolis je la nomo de sia reĝo dirante ne pagi imposton, nek akcepti submetiĝon al iu ajn nacio, kaj rigadante, kun terura gesto, la Papon, diris: «Kuraĝu ekskomuniki min».

Sekvo de tiuj agoj estis militoj, sed Cid' ĉiam venkis. Proksime je Aspa, nia heroo batalis kontraŭ la Sabojana Duko, kaj venkis kaj kaptis lin; la kastiljia kavaliro liberigis la Dukon kiam ĉi tiu donis filinon kiel garantion. Ĉi tiu malfeliĉulino enamiĝis kun Don Fernando, kaj naskiĝis filo, kiu estis kardinalo de Kastiljio. Tra Francujo li venkis, per terura batalo, la francan reĝon; same li venkis ĉiujn, kiujn sin metis milite kontraŭ li; kaj tial reĝoj kaj imperiestroj petis je la Papo, ke ĉi tiu siavice petu je la kastiljia reĝo ordonon repatrujigantan la kastiljian kavaliron.

---

# XIII Universala Kongreso de Esperanto

VII KOMUNIKO

*Kotizaĵo.*—25 frankoj oro (antaŭmilita valoro) = 5 dolaroj, 12 nederlandaj guldenoj, 20 ŝilingoj, skandinavaj kronoj, germanaj markoj, 25 frankoj, liroj, dinaroj, drakmoj, leonoj b. r., pesetoj, ĉeĥoslovakaj kronoj, aŭstriaj kaj hungaraj kronoj, polaj kaj finaj markoj. Geesperantistoj el la aliaj ŝtatoj pagas 25 *francaj frankojn*. Pluaj samfamilianoj pagas nur 60 % de la kotizaĵo. Post la 1 junio altiĝos la kotizaĵo je 50 %.

Ĉiu pagas en sia nuna ŝtata valuto! La sumon sendu en rekomendita letero rekte al la ĝenerala sekretario! La ricevo de la kotizo estos venonte sole en ĉi tiu rubriko kvitota!

Ĝis nun aliĝis: el Ĉeĥoslovakio 82, Germanio 23, Nederlando, Francio 12, Polio 10, Hispanio 8, Bulgario, 5, Aŭstrio 4, Hungario, Italio 3, Danio 2, Svisio, Svedio, Danzig, Algerio po 1.

*Prezoj (hodiaŭaj)* en Praha:

*I de la hotelĉambroj:* 1. kategorio: a) unuli-

ta-10-37 K. b) dua provizora lito 10-20 K. c) dulita 25-77 K.

2. kategorio: a) 10-29 K. b) 10-K. c) 26 ĝis 50 K.

Oni intencas prizorgi ankaŭ loĝadon en privataj familioj kaj komunaj loĝejoj (por neriĉaj esperantistoj).

Notu Viajn tiurilatajn dezirojn en la de la Loka Kongresa Komitato sendota-aliĝilo!

*II. de la manĝoĵoj:* 1. kategorio: a) matenmanĝo (kafo au teo kun butero aŭ kompoto, pano aŭ bulko): 10-15 K.

b) tagmanĝo (inter la 12-2 h posttagmeze) a la carte (buljono, fiŝo aŭ bovaĵo, rostaĵo kun farunbuloj aŭ terpomoj, farunaĵo): 45-75 K.

c) vespermanĝo a la carte (antaŭmanĝo kaj rostaĵo): 25-65 K.

2. kategorio: a) 5-7 K. b) 33-37 K. c) 25 K. Krom tio trinkmono almenaŭ 10 °|₀.

*En restoracioj bonaj tag-kaj vespermanĝoj po 10-20 K!*

Tre bongustaj kaj malkaraj estas la kolbasetoj, vurstetoj kaj ŝinko de Praĥa. Biero 1|2: 1 K 30 h. 2 K 30 h.

*Vojaĝaferoj.*—Vidu la IV. komunikon! La VIII. komuniko alportos prezojn de la biletoj por ĉiuj pligravaj fervojlinioj al Praha!

*Glumarkoj Oficialaj* (3 malsamaj specoj dukoloraj) ĵus aperis): 1 peco = 10 helerojn, 100 pecoj = 9 Kĉ. (kun afranko: 10 Kĉ.) por eksterlando: 100 pecoj = 3 frankojn aŭ egalvaloran valuton, sendotan en rekomendita letero. Mendadu rapide!

*Korespondado.*—Gesamideanoj! Legu atente la ĝisnunajn oficialajn komunikojn! Ne malriĉigu la kongresan kason forgesante aldoni por respondo aŭ respondkuponon aŭ afrankon en neŭzitaj naciaj poŝtmarkoj! Demandu sole pri aferoj rilatantaj al la XIII!

Por la Loka Kongresa Komitato: *Augustin Pillik*, ĝenerala sekretario. - Praha-III. - Nerudova 40.

★

Arangôs kunvenoj por virinoj F-ino instruistino Nesmeráková; por ĉastemuloj, S-ro Roskes. Aliĝu antaŭ la I-VI-1921 kaj pagu kotizaĵon per viaj ŝtataj bankbiletoj senditaj en rekomendita letero al la ĝenerala sekretario.

Aliĝis 405 geesperantistoj ĝis nun.

Donacoj alvenadas kaj oni daŭrigas deponado de mono. Vidu antaŭajn komunikojn.



Laŭ sciigoj privataj ĵus ricevitaj, jen io tre interesa:

Minimuna prezo de loĝejo kun matenmanĝo 15-20 kĉ.; meza prezo de tagmanĝo kaj vespermanĝo, sen vino, sen biero, 35 kĉ.

1 litro de bona biero, 2 kĉ.

Oni povas certigi, ke unutaga elspezo de sobrulo pro loĝado kaj manĝado ne kostos pli ol 60-70 kĉ., kaj neniel oni malsatos.

Esperantistoj celantaj ĉeesti la Kongreson devas sendi kiel eble plej baldaŭ centon da pesetoj al Kongreskaso por profiti la nunan favoran valuton.

Pri fervojbiletoj, kaj vojaĝo ni priskribos kiam ni ricevos petitajn informojn.

# TRA LA MONDO

*La Angloj en Palestino.*

Vigle oni daŭrigas laborojn elkaŝi arĥeologiaĵojn, kaj ĝis nun la sukceso estas granda ĉar oni trovis la fruktoĝardenon de Getsemani kaj preĝejon de la IV jarcento; oni esperas koni la restaĵojn de la antikvaj urboj kaj la lokon aŭ landon, en kiu loĝadis la *Filisteoj*, kaj oni supozas, ke la elfosaĵoj faritaj en Karchemish elkovris restsignojn pri venko de Babilonanoj kontraŭ iu Faraono.



*La Radioj Nevideblaj.*

S-ro Roberto W. Wood, profesoro ĉe la Universitato Johns Hopkins, Usono, elpensis aparaton por vidi radiojn nur percepte-

blaj de *ĥemiaj okuloj*. La aeroplanoj, la ŝipoj, la militistaroj, povos uzi ĉi tiun aparaton por lumigado, kiun nur vidos tiuj, kiuj posedos la aparatojn. Ĉu ĉi tio estas ebla? Ĉu oni povos lumigi urbon, ŝajne dense ombrigita, por tiuj, kiuj ne posedos la aparatojn? La tempo diros, ĉar nei absolute estas malsaĝaĵo.



*Misteroj de la Glando Tiroido.*

Tiu glando, lokita apud kaj antaŭ la laringo, sekrecianta likvaĵon, kiun ĝi transdonas al la sango, estas tre studata kaj studita de multaj kuracistoj. Oni diras pri mirindaj proprecoj ĝiaj por la kreskado kaj evoluciado de la bestoj kaj eĉ de la homo.

En la eksperimentejo de la Muzeo de *Oxford*, en la Universitato, Doktoro Julian Huxley ĵus almetis al ranidoj, nomataj *Axolotol* en Meksikio, glandon tiroidan alian, kaj la ranidoj rapide kreskadis pli ol tiuj de sama speco, kaj tamen ili ne perdas karakterojn de la speco. La Doktoro supozas, ke saman efekton kaŭzos sama eksperimento por la infanoj. Sed ĉi tio jam de antaŭ kelkaj jaroj oni scias: en suda Francujo, en hospitalo de urbo, kies nomon mi ne rememoras, rusa Doktoro, kies nomon ankaŭ mi ne remoras, faris gravan eksperimenton: li resanigis infanon al kiu demetis lian glandon kaj al kiu almetis tiun de sana simio. La korpo kaj intelekto de la infano restadis embrie, la Doktoro faris la operacion, kaj post kelke da tempo, la infano ekkreskadis, lia intelekto vekiĝis, li fariĝis tre ludema kaj lia resaniĝo estis plena, kaj la profesoroj rimarkis en li grandajn kapablecojn.



*Ĥinaj Klasikaj Volumoj.*

La prezidanto de la Ĥina Respubliko promesis donaci al Francujo tri specimenojn de la kolekto de la kvar plej grandaj klasikaj volumoj, kiuj entenas esencon pri la civilizacio de Ĥinujo. La volumojn havas kvin milionojn da paĝoj. La donaco estas rezultato de misio, plenumita de la franca eksministro S-ro Painlevé, pri Universitatoj kaj fervojaro ĥinaj. Ĥinujo donos centmil frankojn por starigi en Parizo Instituton pri superaj ĥinaj studoj, kaj kvincentmil frankojn por starigi kiel filion de Pariza Universitato en la Ĥina Universitato, se franca Registaro donus saman sumon.



*La Radioj X kaj la Febro de Malta.*

En Italujo oni penadas kontraŭ la febro de *Malta*. En kunveno okazinta en *Milano*, senatano Mangiagalli komunikis sciigon pri granda sukceso atingita en Fuimecino per sistemo rekomendita de Doktoro Pais, aplikante la radiojn X. Krom la efikaj kaj homamaj rezultatoj atingitaj, la procedo estas altvalora, ĉar per ĝi vastaj regionoj akiros ankaŭ altan valoron.



*Malkaraj Tribunaloj.*

En Usono ĵus leĝdonis fondante tribunalon sen advokatoj kaj prokuristoj. La pledantoj kunvenos akompanataj nur de atestantoj antaŭ sola juĝisto, kiu decidos; se kondamnito sin montrus neobeema je la punanta konkludo de la juĝisto, ĉi tiu faros deklaron, kolektante pretendojn de unu kaj alia, kaj ĝin transdonos al supera tribunalo, kaj en tiu ĉi okazo, kondamnoto estos devigata pagi pli altan sumon.

La kosto de la juĝo estos 1,50 dolarojn, kaj unu dolaron po rendevuilo por la oficisto disdonanta rendevuilojn. Dezirinde estas imiti Usonon, ĉefe, en landoj en kiuj juradministrado estas *tre karega*.



# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Barcelono.**—Ĉe la grava esperanta societo «Barcelona Stelo» kaj por honori la premiitajn gelernantojn, oni okazigis la 19.an de Februaro belegan vesperfeston, distribuante la premiojn. Estis du premioj kvindekpesetaj, sindonema donaco de S-ro J. Gili Norta, kiu meritas aplaudon kaj gratulon kun koraj dankoj, ĉar per tiaj premioj, la stimulo de la gelernantoj kreskas.

Faris paroladojn S-roj Domenech (Prezidanto), Pellicer kaj Dalmaŭ (Profesoroj de K. E. F.), kaj S-ro Jozefo Grau sendis telegramon. F-ino Esteba kaj S-ro Dura, la premiitoj, dankis. Poste estis koncerto kaj poezia deklamado. Gratulojn al premiito S-ro Dura kiu estas bona koncertisto. Lunĉo finis la feston, ĉeestita de pli ol cent gesamideanoj el ĉiuj Barcelonaj Esp. Grupoj. Oni toastis por la progreso de Esperanto kaj ĝia interna ideo, ankaŭ por la sukceso de Dudkeilo kaj Gerona Kongreso.

La Grupo «Nova Sento» kontentige progresas, kaj ĝi ĵus elektis la jenan komitaton: S-ro M. Gil, Prezid.; S-ro J. Bolós, Vicprezid.; S-ro F. Pérez, Sekr.; S-ro L. Ferrenuela, Vicsek.; S-ro S. Vives, Kas.; S-ro J. Giménez, Kalk.; S-ro V. Marín, Bibliot., kaj S-roj M. Peiró, P. Vives, J. Capi kaj J. Canales, Voĉd.



**Palma de Mallorca.**—Esperanto forte vekiĝas; la Grupo plinombriĝas kaj kurson multenombraj lernantoj ĉeestas, Delegito de «Zamenhofa Federacio estas S-ro Johano Barceló.



**Gijón (Oviedo).**—Nia kompetenta samideano S-ro Cristóbal Fournier, Pastro, daŭrigas sukcese sian kurson en la Politeknika Akademio; kaj S-ro Camacho, sperta profesoro de la Komerclernejo, konferencos pri Esperanto en la Ateneo, kie oni celas malfermi kurson.



**Córdoba.**—La ĉi tiea Grupo kunvenis ĵus kaj voĉdonis la jenan Komitaton: S-ro F. Serrano Olmo. Prez.; S-ro Rafael Vázquez, Vicprez.; S-ro Rogelio Luque, Sek.; F-ino Ana Mejías, Vicsek; S-ro Manuel García, Kas.; S-roj Manuel de Miguel, Pantaleón Marivela, Antonio Luque, Enrique de Obregón kaj Juan Serrano Olmo, Voĉd.

La kunveno decidis aligi al Dudkeilo kaj nomi S-ron Juan Serrano Olmo Reprezentanto aŭ Delegito de la Grupo en tiu grava kunveno; ankaŭ decidis monhelpi HISPANA ESPERANTISTO per 25 pesetoj.



**Huesca.**—Instruisto S-ro Jozefo Artigas ĵus malfermis kurson esperantan en la Komerca Ĉambro, ĉeestata de dudekkvar lernantoj.



**Jerez (Cádiz).**—S-ro Petro Naranjo, D. de U. E. A., faris tre gravan kaj interesan paroladon en la Ateneo pri Esperanto; la loka ĵurnalo «El Guadalete» dediĉas la ĉefan artikolon de la numero de la 9.a al la parolado laŭdante la parolinton kaj raportante favore je nia afero.



## EKSTERLANDA

**Usono.**—Samideanoj el ĉiu lando! Bonvolu sendi al Esperanto Asocio de Nordameriko skribaĵojn rilate la progreson de Esperanto en via urbo, distrikto, aŭ lando. Kial? Ĉar ni deziras kaj bezonas ricevi in-

formon, antaŭ la dato de nia Kongreso (en Boston, en Julio), por ke ni havu trafajn faktojn por la lokaj ĵurnaloj, kiuj devus esti interesitaj. La faktoj tiel ricevitaj ankaŭ utilos al la Praha Kongreso (en aŭgusto), kaj certe ni prizorgos ke ĝi ricevos ilin.

Kun koraj salutoj, ni havas la adreson:

Esperanto Asocio de Nordameriko, 507 Pierce Bldg., Boston 17, Mass., U. S. A.



**Francujo.**—En Marseille, oni ĵus fondis, por akceli la esperantistan movadon en la urbo kaj ĝia ĉirkaŭa regiono, Esperantistan Oficejon—38, rue Consolat. La Oficejo donos senpage informojn pri Esperanto, ĝia utilo kaj ĝia disvastiĝo al ĉiuj enlandanoj; komercajn industriajn, turistajn, k. c., pri la urbo kaj regiono.

Vizitu niân oficejon, se vi venus al Marseille.

La reorganizado de la franca Esperantistaro sukcese aktiviĝas, kaj grava sukceso estis tiu de Komerca Ĉambro de Paris, sed ankaŭ ĝi decidis protekti la Grupon de Paris kaj monhelpi ĉi tiun per 500 frankoj ĉiujare. La reorganizadon de Polickluboj Esp. oni reentreprenis. Kaj jen letero de la franca komerca ministro al S-ro Méras, direktoro de la Internacia Komerca Oficejo Esperantista ĉe la Universa Komerca Muzeo en París:

«París, la 10 febr. 1921.

»Sinjoro: Vi direktis mian atenton al la Esp. sekcio de la Universa Komerca Muzeo, 3 strato de Chaillot, por kiu vi deziras obteni la patronadon de mia departamento.

»Ĉar mia administracio faris al si la absolutan regulon ne patroni oficiale privatan entreprenon kian ajn, mi ne povas akcepti vian peton en la formo, kiu vi donis al ĝi.

»Sed ĉar la ideo uzi Esperanton en la disvolvigo de niaj komercaj rilatoj kun la eksterlando ŝajnis al mi interesa, mí tre volonte anoncos vian institucion al la Nacia Ofico de la Eksterlanda Komerco, kiu certe donos al vi sian helpon laŭ ĉiu mezuro, kie ĝi povas tion fari.

»Akceptu, sinjoró, la certigon de mia perfekta konsidero.»



**Finnlando.**—La finnlanda esperantistaro ĝuis gravegan sukceson neatenditan, la Parlamento voĉdonis la 2.an de Marto ĵus pasinta, subvencion da 25.000 markoj al Esperanto-Asocio.



**Rusujo.**—Iom post iom lumo fariĝas pri Esperanto en Rusujo. En Moskvo funkciadas Junulara Asocio Esperanta, Tutruslanda Literatura Asocio. Esperanto, malgraŭ nefavoraj cirkonstancoj, vivas, disolviĝas kaj floras senĉese kaj senhalte. Saratov estas nun la vera centro de Esperanto, kie fondiĝis kooperativa eldonejo «Volgano», kiu eldonas librojn en kaj pri Esperanto en tri serioj: propaganda, scienca kaj literatura. Ankaŭ ĝi eldonas du gazetojn: propagandan «Volga Esperantisto» kaj literatur-socian «Libera Torento». Dume Organiza Komitato de Tutrusa Esperantista Federacio (OKTEF) aperigas kiam eble «Oficiala Bulteno»; en Astraĥan aperas interesa gazeto «Nia Vivo»; en Petrogrado, «Petrograda Revuo»; en Kazan, «Kredo», kaj eĉ pastro Ŝirjajev, en la guvernio de Vologda eldonas «La Rondiranton».



**Bavarujo.** - Por plej efika kaj granda propagando grupoj de Nürnberg kaj Fürth fondis «Esperanto-Kartelo Nürnberg-Fürth» (Nürnberg-Hefnerplatz, 9). En Hamburg, post prelegoj de S-ro Reber en la Liceo, enskribis sin 69 personoj. En München, multe progresas ĉar S-ro Jacob, supera poŝta admtnistristo, komisiite de la imperia poŝta ministerio, sekcio VII.a, faris du multenombre vizititaj paroladojn pri Esperanto

kaj ĝia utilo por poŝt-telegraf-telefon-oficistoj; kaj S-ro Hechtl, fervoja sekretario, komisiite de la fervoja direkcio, ankaŭ faris du paroladojn pri Esperanto por la fervojoficistoj. Rezultato estis, ke ĝis nun 500 oficistoj sin anoncis por la kursoj.



**Saksujo.**—La urbo de la «Kvara» Dresden aranĝos Internacian Antaŭ-Kongreson kaj invitas kore la vizitontojn de la Praga Kongreso. Jen la provizora programo:

28 de Julio.—Antaŭtagmeze. Vizito de la vidindaĵoj de la urbo.

Tagmeze. Komuna tagmanĝo en la «Granda Ĝardeno».

Vespere. Publika propaganda kunveno, eble koncerto.

29.ª.—Antaŭtagmeze. Veturo per speciala ŝipo sur Elbe al Pillnitz kaj migrado.

Vespere. Granda festo kun balo internacia.

30.ª.—Komuna veturado al Prago per «se eble» speciala vagonaro. Kotizaĵo komunikota. Kongreskomitato: S-ino Prof. Hankel, D-ro Hch Arnhold, Karl v, Frenckell, W. Ranft Sekretario.—Adreso: Dresden.—N., Hauptstrasse, 38.



**Brazilujo.**—La brazila registaro decidis solene festi la 1.an centjaran datrevenon de la nacia sendependeco, efektivigante en Rio de Janeiro dum la monatoj Septembro, Oktobro kaj Novembro 1922 grandegan Nacian Ekspozicion pri komerco, industrio, transportoj, k. c., k. c. La Agada Komitato de tiu ĉi Ekspozicio disdonos kaj dissendos, al ĉiuj, kiuj ilin petos, fotografaĵojn, poŝtkartojn, prospektojn kaj statistikajn informojn, kiel propagandon pri la Ekspozicio, brazilaj produktaĵoj, naturaj belaĵoj, k. t. p. Jen bona okazo por montri disvastigon de Esperanto tra la mondo.

Ĉiu. kiu deziras ricevi tiajn sendotaĵojn, tuj skribu en Esperanto al tiu Komitato petante ilin. Se Esperantistoj grandnombre sin turnus al la Komitato, ĉi tiu sukcesus uzi Esperanton por reklamo de la Ekspozicio.

La Ĝenerala Sekretario de la Komitato estas la malnova esperantisto S-ro J. B. Mello e Souza, ankaŭ Ĝenerala Sekretario de Brazila Ligo Esperantista. Esperantistoj helpu senprokraste per viaj petoj!

Adreso: Comissao Executiva Do Cetenario. Bibliotheca Nacional. Rio de Janeiro.



**Dantzig.**—Libera Ŝtato. La Dantzig'a Esperanto Asocio ageme agas pri kaj por Esperanto. La prezidanto, Delegito de U. E. A., S-ro B. Ketterling sin turnas al Esperantistaro per alvoko, kiu finiĝas: «En la tuta monpo nenombreblaj esperantistoj nun laboras, por efektivigi ĉie sian devigon: «Amu vian patrujon, estimu eksterlandanojn kaj interrilatu kun ili uzante la facile lerneblan mondhelplingvon neŭtralan *Esperanto*.» Li faris paroladon pri Esperanto por la poŝoficistoj, pri ĝia uzebleco kaj esenco, kaj 60 gepoŝtistoj ĉeestas novan kurson.



**Svisujo.**—Post raporto de D-ro Edm. Privat al la lernejinspektora kunsido, la registaro de la Ĝeneva Respubliko kaj kantono decidis enkonduki devigan instruadon de Esperanto en la sepa (lasta) jaro de ĉiuj unuagradaj lernejoj depost Septembro 1921, kiel oficiala pruvo. Ĉiuj instruistoj ricevis la inviton sin prepari por tiu dato, kaj ili respondis favore. Privat klarigos kurson al geinstruistoj.

---

# BIBLIOGRAFIO

«Sonĝo de Someromeza Nokto» de la senmorta William Shakespeare, tradukita de Louise Briggs, kaj eldonita de Brita Literatura kaj Debata Societo, estas posedinda de ĉiu bona Esperantisto. La dramo estis tre

sufiĉe bone adaptita al nia kara lingvo, konservante la plej eksaktan esprimon propran de la fama angla verkisto. Kvankam la sceno estas en Ateno, dum la epoko de Teseo, greka mitologio, ĉio koncernas personojn, vivmanieron, morojn, festojn, k. c., anglajn. Mendu la libron al 17 Hart Street.—London, W. C. 1, ĉar ĝi estas tre aĉetinda.



*Kristo kaj la Ligo de la Nacioj.*

Jen broŝuro 16 paĝa pri «Benedikto XV^a^, pri la Kristana pacprogramo». La broŝuro (12 × 16) estis eldonata de «Mondpacligo Kruco Blanka», Societo celanta fortoplenan kunlaboradon de la katolikoj ĉiulandaj por: 1.^e^ servo de la popolrepacigo; 2.^e^ fondo kaj efika realigo de la Katolika Internacieco.

La broŝuro entenas: Papcirkuleron, datumita la 23.an de Majo, 1920; Alvokon kaj statutojn. «Mondpacligo Kruco Blanka» fondita en *Graz* (Aŭstrujo)—Karmeliterplatz, 5 - starigis jam en diversaj landoj unuiĝojn kaj sekretariejojn naciajn. «Mondpacligo Kruco Blanka» akceptis Esperanton kiel sian oficialan lingvon interpopolan por atingi sian celon. Demandu kaj aliĝu! Petu la broŝuron! Laŭvola kotizaĵo.



*La Libro de Komuna Preĝo.*

La Eklezia Esperantista Ligo eldonas ĉi tiun verkon kajere. Ni ricevis la II.an kajeron kun kajereto «La Ordo de Vespera Preĝo Ĉiutage dum la Jaro» kaj «Eparĥia Muziko por vulgara kantado n.° 3».

La enhavo de la II.^a^ kajero estas: «La ordo por la administrado de la vespermanĝo de la Sinjoro, aŭ Sankta komunio» kaj la administrado de publika bapto de infanoj (Komenco). 13 × 19). Prezo: sm. 0,354 afr. La kajeroj formos interesan bonstilan libron. Ĉiu kajero estas 20 paĝa. Je sama formato estas «La Ordo de Vespera preĝo» (8 paĝa) kaj la 3.^a^ kajero de «Eparĥia Muziko» (8 paĝa). Adreso: Farosley Tyas Vicarage. HUDDERSFIELD.—Anglujo.



*Karaktero.*

Ĉi tiu tradukaĵo esperanta de la fama originalo de la holanda advokato J. M. Van Stiprian Luiscius atingis ĵus la *sesan eldonon*; tial superflue estas paroli pri la verko, kiun devas posedi ĉiuj Esperantistoj.



*Bruxelles.*

La Oficiala Senpaga Informejo por fremduloj ĵus eldonis belegan ilustritan gvidlibron koncernantan Bruxelles, ĉirkaŭaĵojn kaj Belgan Provincon. Domaĝe ĝi nur sur 25.^a^ paĝo entenas esperantajn sciigojn ĉar la teksto estas franca, sed Esperantistoj petu ĝin *esperante* al tiu Informejo (Grand' Place, 10, «Maison des Brasseurs») kaj samtempe petu ke ĝi estu eldonota tute esperante. Per *dek centimoj* por petanta poŝtkarto vi faros grandan servon al nia celo kaj senpage vi ricevos la belan gvidlibron; ne prokrastu la peton.



*Sinjoro Tadeo*, estas majstra verko de la Esperanta Literaturo, ĝi estas tradukaĵo de la Pola Epopeo «Pan Tadeusz» aŭ Lasta Armita Posedopreno en Litvo de Adam Mickiewicz; nia fama poeto kaj sperta Akademiano Antoni Grabowski mirinde esperantigis la verkon de Mickiewicz, ĝi estas aktuala. kvazaŭ oni travivus post jarcenton ĝian daŭrigon, la 13.an libron dank' al 13.^a^ paragrafo de Wilson. La verko estas volumo 302 paĝa, tre interesega, de la unua paĝo ĝis la lasta. Ĉiu entuziasma Esperantisto devas havigi al si la ĉefverkon, ĉar ĝi estas por Esperantisto klasika. Ankaŭ estas aĉetindaj la poemaro El Parnaso de Popoloj kaj suplemento, Mazepa (tragedio de Slowacki), Halka (opero de Wolski-Moniuszko),

«Consilliun Facultatis» (komedio de Fredro), Pekoj de l' infaneco (novelo de Prus), Ŝi, la tria (novelo de Prus), La Juĝo de Oziris (novelo de Sienkiewicz), Kio okazis foje en Sidono (novelo de Sienkiewicz), Kondukanto kun Antologio (unua lerno-kaj legolibro). Li ankaŭ verkis grandan kaj malgrandan vortarojn. Adreso: Hoza, 42. Varsovio (Polujo).





Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid